I jaro Sofia — Bulgario okt.—dec. 1958, № 12

# INTERNACIA ĴURNALISTO

ORGANO DE LA TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

Prof. D-ro Ivo Lapenna
Ĝenerala Sekretario de UEA

## KUNLABORADO DE LA INFORMA FAKO DE UEA KUN LA MEMBROJ DE TEĴA

Jam plurajn jarojn funkcias la Informa Fako de UEA. Ĝi kunordigas la informadon pri Esperanto en mondaj kadroj, donas konsilojn rilate la metodojn de informado, helpas la organizon de landaj informaj fakoj. La IF de UEA direktas la mondan informadon pri la Internacia Lingvo per cirkuleroj, kiujn ricevas ĉiuj landaj Informaj Fakoj kaj la rektaj kunlaborantoj en regionoj sen speciala Informa Fako kaj sen landa asocio. La IF de UEA regule eldonas en Esperanto la Bultenon de la Internacia Gazetara Servo. Ĝi estas sendata al ĉiuj kunlaborantaj Informaj Fakoj kaj unuopuloj, kies tasko estas traduki la informojn en siajn naciajn lingvojn kaj prizorgi la publikigon en la nacilingva gazetaro. Speciala Bulteno en la angla kaj franca lingvoj, kun selektitaj novaĵoj, estas sendata rekte al diversaj revuoj kaj gazetoj en landoj sen organizita Esperanto-Movado, precipe en Azio kaj Afriko.

Entute la IF de UEA havas okdekon da kunlaborantoj en diversaj landoj. La rezultoj de tiel organizita laboro estas senteble bonaj. Ĉiujare aperas en la julia-aŭgusta numero de la revuo „Esperanto" resuma statistika tabelo kun precizaj informoj pri la atingoj en la ĉefaj aspektoj de la informado pri Esperanto.

Okaze de la kongreso en Mainz la ĝenerala sekretario de UEA, kiu estas ŝarĝita ankaŭ pri tiu fako, konferencis kun s-ro Ivan Keremidĉiev por pritrakti la eblecojn utiligi TEĴA kaj ĝian membraron por plia vastigo de la informado.

La membroj de TEĴA troviĝas en speciale bona situacio por disvastigi informojn pri la Internacia Lingvo. Ili laboras en redakcioj de nacilingvaj gazetoj kaj tial povas facile — en ĉiu okazo multe pli facile ol la aliaj kunlaborantoj — publikigi ion pri Esperanto en sia gazeto aŭ revuo. Sekve, estas interkonsentite, ke estontece ĉiuj membroj de TEĴA regule ricevados la cirkulerojn de la Informa Fako de UEA, la esperantlingvan Bultenon de la Internacia Gazetara Servo kaj diversajn artikolojn.

Ĉiuj membroj de TEĴA, kiuj ricevos tiujn materialojn, estas kore petataj agi jene:

1. La cirkuleroj kutime estas direktivaj kaj servas por orientiĝo de la kunlaborantoj kaj por kunordigo de la agado en la tuta mondo. Bonvolu laŭ la eblecoj agi konforme al la konsiloj, entenataj en tiuj cirkuleroj. Vi ricevos la cirkulerojn ekde la numero 32/1958. Ne petu la antaŭajn, ĉar ili estas ne plu haveblaj.

2. La informoj en la Bulteno de la IGS estu senprokraste tradukitaj en vian nacian lingvon kaj publikigitaj en via gazeto. Se ne estas eble publikigi ĉiujn informojn, elektu tiun aŭ tiujn,

kiuj pleje taŭgas por via gazeto. Vi ricevos la Bultenon de la IGS ekde la numero 75 de la 1-a de novembro 1958. Ne petu la antaŭajn, ĉar ili jam elĉerpiĝis...

3. Dum la tuta jaro 1959 vi ricevos relative mallongajn artikolojn pri Zamenhof kaj lia verko. La artikoloj estos skribitaj de elstaraj esperantistoj de diversaj landoj. Traduku tiujn artikolojn kaj publikigu ilin en via gazeto.

4. Bonvolu noti ĉion, kion vi sukcesis publikigi en via gazeto.

Post proksimume 6 monatoj bonvolu sendi koncizan raporton al s-ano Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, Bulgarujo. S-ro Esperov faros, surbaze de viaj informoj, raporton al la Informa Fako de UEA pri la rezultoj atingitaj.

La Informa Fako de UEA kaj mi persone tre esperas, ke tiu ĉi formo de kunlaborado kun TEĴA kaj ĝia membraro donos bonegajn rezultojn por plua diskonigo de la Internacia Lingvo kaj disvastigo de ĝia uzado. Ni troviĝas ĉe la sojlo de la Zamenhof-Jaro. Ni centrigu niajn fortojn al unu granda celo: ne nur digne omaĝi la aŭtoron de la Internacia Lingvo, sed ankaŭ interesigi la informadon kaj altigi ĉiurilate la prestiĝon de la Esperanto-Movado ĉie en la mondo. En tiu granda klopodo la kunlaborado de TEĴA kaj ĝia membraro estas ne nur bonvena, sed vere esence grava.

La artikolo estas skribita speciale por „Internacia Ĵurnalisto".

## AL PLI AKTIVA KUNLABORADO INTER U.E.A. KAJ T.E.Ĵ.A.

Dum la Universala Esperanto-Kongreso en Mainz ĉi-jare nia redaktoro Ivan K. Esperov laŭ la komisio de la TEĴA— Estraro konferencis kun Prof. D-ro Ivo Lapenna — Ĝenerala Sekretario de UEA -- pri la estonta kunlaborado inter UEA kaj TEĴA. S-ro Lapenna emfazis la neceson de pli aktiva kunlaborado inter ambaŭ internaciaj organizoj. Post la UK en Mainz s-roj Lapenna kaj Esperov pritraktis la saman problemon perletere. Laŭ interkonsento atingita, dezirinde estas, ĉiu membro de TEĴA fariĝu konstanta kunlaboranto de la Informa Fako de UEA. Dezirinde estas ankaŭ, ke ĉiu TEĴA-ano fariĝu fakdelegito de UEA pri ĵurnalismo por sia loĝloko.

Plenumante la peton de la redakcio de „Int. Ĵurnalisto", s-ro Lapenna sendis speciale verkitan artikolon por la organo, tuŝantan pli detale la interkonsentitajn demandojn. Por praktike efektivigi le necesan kunlaboradon, la redakcio sendis al s-ro Lapenna kaj al la Informa Fako de UEA la adresojn de la TEĴA--membraro.

La Estraro de TEĴA esperas, ke ĉiuj niaj membroj digne plenumos la starigitajn en la artikolo de s-ro Lapenna taskojn

## GRAVA PETO

La Estraro de TEĴA petas la dezirantajn teĵanojn en tiuj landoj, kie ankoraŭ ne estas reprezentantoj de TEĴA, tuj anonci sin kiel reprezentantojn.

La Estraro petas afable ĉiujn membrojn de TEĴA, ankoraŭ nepagintajn siajn membrokotizojn por 1958 kaj 1959 jaroj, tuj fari tion. Necese estas samtiel, ke oni tuj subtenu ankaŭ la fonduson, „Jnternacia Ĵurnalisto" !

## TEJA KUNLABORAS KUN LA FAKO POR INFORMADO ĈE UNESKO.

Laŭ la decido de la ĝenerala fakkunveno de TEJA en Mainz, la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" sin turnis al la Fako por Informado ĉe UNESKO, petante la subtenon de la Fako al la agado de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj por plua kunlaborado inter TEĴA kaj la Fako ĉe UNESKO. Akceptinte favore la peton de la redakcio, la Fako por Informado ĉe UNESKO respondis per la jena letero:

### UNESKO — ORGANIZO DE UNUIĜINTAJ NACIOJ POR EDUKADO, SCIENCO KAJ KULTURO

Parizo, la 3-an de novembro 1958

Al Sinjoro Redaktoro,
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista
Asocio (TEĴA)

Sinjoro,

Ni dankas al Vi pro Via letero de 15-a de oktobro kaj ni permesas al ni bondeziri aktivan kunlaboradon inter la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj la Fako por informado ĉe UNESKO.

Vi ricevos regule presartikolojn kaj komunikojn, kiujn ni disponas, kaj ankaŭ la Informan Bultenon UNESKO-entute en franca lingvo, ĉar ni nenion publikigas en Esperanto. Mi supozas, ke Vi jam ricevas nian bultenon en rusa lingvo.

Koncerne la demandon pri konferencoj, kunvenoj kaj kvalifikaj studoj ni transdonas Vian leteron al la kompetenta ofico-la Fako por libera movado de la informo.

Bonvolu akpti, injoro, niajn sincerajn salutojn

Georges Fradier
Ĉefredaktoro, Informoj UNESKO
Presfako

---

## 44-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Varsovio — 1—8 aŭgusto 1959
— Pollando JUBILEA ZAMENHOFA JARO
Sub honora protektado de la Ministro Prezidanto de Pola Popola Respubliko
JOZEF CYRANKIEWICZ

**ADRESO:** Por korespondado sufiĉas la adreso: 44-a Universala Kongreso de Esperanto, Varsovio, Pollando.

**BANKO:** Narodowy Bank Polski, Warszawa, VII. OM. n-ro 1531—9—525

**KOTIZOJ:** La kongresaj kotizoj estas kalkulitaj en usonaj dolaroj. Ĝis fino de decembro validas jenaj kotizoj;

Kongresano 6 dolaroj;
edz(in)o 3 dolaroj;
junul(in)o ĝis 20 jaroj kaj
studentoj 2 dolaroj.

Individuaj membroj de UEA, t. e. membroj, kiuj ricevas minimume la Jarlibron, rajtas rabaton de 1 dolaro.

Edz(in)o de Individua Membro ricevas rabaton de 0.50 dolaro.

La kotizo rajtigas senpagan partoprenon en ĉiu programo, organizita da la Loka Kongresa Komitato, kaj la regulan ricevon de la kongresaj dokumentoj: Oficialaj Bultenoj, Kongresa Libro, insigno, k. a. Oni povas aliĝi ĉu rekte per Banko, ĉu ĉe la Perantoj.

La Loka Kongresa Komitato jam faris koncernajn paŝojn por ĝis ekstremo faciligi la ellason de vizoj, kiam necesaj, al Pollando. La polaj aŭtoritatoj decidis, ke la kongresanoj ricevos 50% rabaton de la kosto por enirvizoj; grupoj kaj karavanoj pagos nur 1,50 dolaro.

---

La redakcio de "Internacia Ĵurnalisto" salutas tutkore ĉiujn membrojn de TEĴA kaj siajn legantojn kun la festoj kaj kun la Nova 1959 jaro kaj bondeziras al ili feliĉon kaj sukceson en ilia privata, profesia kaj esperanta laboroj!

## Ĵurnalista vivo

### ĴURNALISTA FAKKUNVENO EN POLLANDO

La Tutpollanda Esperanto-Kongreso okazis en Krakovo la 20—21-an de septembro 1958. En la kadroj de la Kongreso kunvenis ankaŭ TEĴA-anoj: ĵurnalistoj kaj interesatoj pri faka ĵurnalista laboro, reprezentantoj de multaj pollandaj distriktoj kaj de la Pola Radio. Inter multaj problemoj oni priparolis diversajn problemojn de Esperanto-laboro, pri aperigado de Esperanto-anguloj en la enlanda gazetaro kaj pri enkonduko de radio-dissendoj en la Pola Radio, pri Esperanto-kursoj pere de la Radio-stacioj Warszawa kaj Krakow. La kunvenon partoprenis ankaŭ s-ano Lajos Marton (ĝenerala sekretario de la Hungarlanda Esperanto-Konsilantaro en Budapeŝto) nia agema ano de TEĴA kaj ĝia reprezentanto por Hungario.

La diskutado estis vigla kaj interesa, des pli, ke Pollando staras antaŭ la venonta Jubilea Universala Esperanto-Kongreso. Dum la Kongreso aperis „Unutaga gazeto", kiu traktis pri Esperanto en pola lingvo. En ĝi estis artikoloj de prof. Ivo Lapenna, de prof. Z. Klemensiewicz, de prof. M. Sygnarski, de red. D. Jakubiec ktp.

Dum la TEĴA-kunveno oni decidis eldoni estonte regulan bultenon de gazetara servo en pola lingvo kaj dissendadi ĝin al ĉiuj enlandaj ĵurnaloj.

Rezulte de la Kongreso oni jam enkondukis Esperanton en kelkajn krakovajn lernejojn. Krom tio, oni enkondukis Esperanton en la lektorejon de la Mineja Akademio en Krakovo. Ni do marŝas antaŭen kaj la rezulto estos vere brila kaj sukcesa. Por policanoj oni ankaŭ aranĝas kurson.

Dum la Kongreso aperis artikoloj pri Esperanto i. a. de prof. Schönborn en „Dziennik Polski." Nia agema s-ano red. K. Malycha senĉese aktive redaktas Esperanto-angulon en „Ilustrowany Korjer Polski" — ĉiutaga vastkonata Bydgoszcz-ĵurnalo. Red. Ezupowiczowa el Torun ankaŭ aktive laboras, redaktante ofte artikolojn pri Esperanto. En Krakow red. Z. Wojcikiewich kaj red. D. Jakubiec ankaŭ fervore laboras.

Ni esperas, ke nun la laboro aktiviĝos kaj rezulton ni ne devas longe atendi Estas TEĴA-anoj, kiuj aktive kunlaboras kaj de tempo al tempo aperigas artikolojn pri Esperanto.

Emil Mayer

Krakow, Pollando

---

## Libera tribuno

### ANKORAŬFOJE PRI NIA ORGANO

Nia ĵurnalista esperantista movado estas ankoraŭ en sia komenca periodo. La membraro de TEĴA ne estas multombra, sed mi estas certa, ke post nelonge ĝi plimultiĝos sufiĉe, kaj TEĴA fariĝos granda kaj grava internacia organizaĵo.

Por la plinombrigo kaj fortikigo de nia Asocio multe kontribuos ankaŭ nia organo mem—„Internacia Ĵurnalisto". Samtempe, kune kun TEĴA ankaŭ nia organo elkreskos, pliampleksiĝos kaj pliboniĝos. Nun ĝi havas ankoraŭ formon de modesta bulteno, sed en ne malproksima estonteco „Internacia Ĵurnalisto" fariĝos pli granda kaj grava, pli riĉenhava, varia kaj kultura internacia revuo de l' ĵurnalistoj en la tuta mondo. Mi subtenas la opinion de s-ino Ida Lisiĉnik en Kutaisi (USSR) tiurilate, esprimitan el n-ro 10—11 de la organo.

Tiu ĉi afero ne estas himero. Se ni volas, ni povas kaj devas efektivigi ĝin. La unua premiso tiucele estas subteni finance la organon per regula pagado de niaj membrokotizoj kaj subteni la fonduson „Internacia Ĵurnalisto"; la dua premiso estas regule kunlaboradi al la organo, sendante artikolojn, informojn, notojn kaj sugestojn al la redakcio. La organo devas esti kolektive skribita, kolektive subtenata. Tiu kontribuo al nia TEĴA kaj ĝia organo estu honora devo de ĉiu membro kaj amiko de nia Asocio!

Ŝtern Fiku, Rumanio.

---

Redaktoro: IV. KEREMIDĈIEV — ESPEROV, blv. „Hristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofia 2, Bulgario.

Ŝtata presejo „Narodna prosveta" — Sofia

II jaro Sofia — Bulgario Januaro-Februaro 1959 N-ro 1-2

# INTERNACIA ★ ĴURNALISTO

ORGANO DE LA TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEJA)

## *RECIPROKA APREZADO DE LA OKCIDENTA KAJ ORIENTA KULTURAJ VALOROJ KAJ LA ROLO DE LA TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO*

*Kiel sciate, la Ĝenerala Konferenco de UNESKO, okazinta en New Delhi proksimume antaŭ du jaroj, akceptis gravan Rezolucion, per kiu, emfazante la neceson de paca kunlaborado inter la popoloj, montris, ke ĝi povas efektiviĝi nur sur la fundamentoj de plena scio kaj reciproka aprezado de la kulturaj valoroj. La konferenco, emfazante ankaŭ, ke en la nunaj kondiĉoj unuavice gravan signifon havas nome la reciproka aprezado de la Orienta kaj Okcidenta kulturaj valoroj, akceptis grandan projekton de UNESKO sub la titolo „Reciproka*

## ESTRARO DE TEJA



Sekretario-kasisto
D-ro Dino Fabris
(Italio)



Prezidanto
Olav Thormodsen
(Norvegio)



Redaktoro
Ivan Keremidĉiev-Esperov
(Bulgario)